27 MAJO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ TRIAJARO. — Nº 8



DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**
Unu Jaro . . . . . . . . . . 3 fr. 2 1/2 m. 2 1/2 ŝ.
Helpabono. . . . . . . . . . 10 fr. 8 m. 8 ŝ.
Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)
Bulgara Eldono : N. B. Kovaĉef, Sofio



## LA INTERNACIA HELPA MONO

Ni pli kaj pli klare konstatas, ke la fundamenta principo, sur kiu staras la ideo pri internacia helplingvo estas fruktodona principo, kiu permesos solvi ne nur la demandon pri diverslingveco, sed ankaŭ multajn aliajn demandojn de internacia intereso. Tiuj demandoj kompreneble estas ligitaj al la afero pri internacia lingvo kaj sekve devas esti solvataj laŭ simila metodo. Inter tiuj temoj, troviĝas ĉe la unua vico la demando pri *mona unuo*, ĉar la diverseco de la naciaj monoj efikas la samajn malfacilaĵojn kiel la diverseco de la naciaj idiomoj. La ideo pri internacia mono uzebla en ĉiuj landoj sendube estas ne nova, sed ĝis nun tiu ideo ne povis esti realigita, ĉar la demando estis ne bone komprenita. Por solvi ĝin, oni proponis, aŭ ke ĉiuj nacioj akceptu ian nacian monunuon (ekz. la franko), aŭ ke la registaroj interkonsentu por elekti novan unuon kaj trudi ĝin sinsekve al ĉiuj landoj de l'mondo, forigante la naciajn kutimojn. Tiamaniere oni agis por enkonduki la metran sistemon de la pezoj kaj mezuroj, kaj pro tio, la universaliĝo de tiu sistemo renkontas tiom da malhelpoj ; antaŭ ne longe, la Brita Parlamento denove rifuzis proponon pri ĝia enkonduko en Britujo.

En la realeco, la demando estas pli simpla ol ĝi ŝajnas, ĉar ĉia sistemo internacia celas ne forigi la naciajn sistemojn, sed ilin interligi ; estas do ne necese, ke la diversaj popoloj forlasu sian monunuon ; ankaŭ estas ne necese presigi monon internacian. Kontraŭe, tiu mono estas principe *kalkulmono*, t. e. mono, kiu rilatus al la naciaj monoj same kiel Esperanto al la naciaj idiomoj. Tiamaniere, la Angloj ekzemple, povos libere konservi sian nedecimalan sistemon de livroj, ŝilingoj kaj pencoj, sed ĉiufoje kiam ili ekrilatos kun fremduloj, la kalkuloj estus farataj per la internacia monunuo. Konsideritaj laŭ tiu vidpunkto, la diversaj internaciaj sistemoj (pezoj, mezuroj, monoj), estas nur simplaj lingvaj difinoj ; efektive, kiam oni skribas aŭ parolas Esperante, oni ne havas pli specialan pravigon por esprimi la prezon per frankoj ol per dolaroj aŭ ŝilingoj, ĉar Esperanto estas internacia lingvo ; oni do laŭlogike bezonas nur enkonduki en tiun lingvon novan vorton por signifi precizan monvaloron, kiu estas la monunuo internacia.

***

Por fiksi tiun internacian monunuon, ni nur bezonas doni al ĝi nomon kaj difini ĝian precizan valoron per pezo de pura oro. En artikolo aperinta en Maja Nº de *Internacia Scienca Revuo* (1) mi proponis la jenan metodon :

Taŭgas unue rilatigi la novan monunuon kun la metra sistemo, t. e. elekti tiun unuon tiamaniere ke ĝia responda orprezo estu esprimebla per entjera nombro da gramoj. La plej gravaj oraj naciaj monunuoj (liv. st. 20 markoj. 5 dolaroj) pezas proksimume 8 gramojn, laŭ ora proporcio da 0.900 (t. e. 9/10) ĝis 0.916 2/3, (t. e. 11/12) kaj ilia valoro estas proksima al 25 frankoj. Sekve, la plej bone estos, se oni elektus kiel monunuon la valoron de ora monero pezanta precize 8 gramojn, laŭ proporcio 11/12. Sed anstataŭ kalkuli laŭ ora monunuo da 8 gramoj, ni povas kalkuli laŭ unuo dekone, centone, milone pli malgranda ĉar estas pli oportune uzi tre malgrandan monunuon, por esprimebligi la valoron de la diversaj naciaj monoj per entjeraj nombroj da internaciaj unuoj. Tian unueton ni nomos *speso*; ĝi estos la dekmilono de la supre difinita unuo. Resume : *La speso estas la dekmilono de la valoro de ora mono pezonta 8 gramojn, laŭ la orproporcio 11/12.* Tiu fundamenta unuo estas pure teoria kaj uzota nur por la kalkuloj ; kutime oni uzos unuojn dekoble, centoble, miloble pli grandajn laŭ la okazoj (same kiel oni uzas jen la centimetron, jen metron, jen kilometron.) Oni, dank'al la Esperanta kunmetado, formos tute laŭlogike la jenajn vortojn : *1 spesdeko* (= 10 spesoj) ; *1 spescento* (=100 spesoj) ; *1 spesmilo* (= 1000 spesoj). Tiu-ĉi lasta estos la plej praktika unuo ĉar tiu unuo valoros proksimume 2.50 fr. aŭ 2 markojn aŭ 1/2 dolaron aŭ 1 jenon aŭ 1/2 peson, k. t. p. Jen unuflanke la preciza valoro de la spesmilo komparita kun la diversaj naciaj monunuoj, aliflanke la internacia valoro de la diversaj monoj esprimita per entjeraj nombroj de spesoj :

| | |
|---|---|
| 1 Spesmilo = 2,5260 frankoj | 1 franko = 396 spesoj |
| » » = 2,0031 ŝilingoj | 1 ŝilingo = 499 » |
| » » = 0,4875 dolaroj | 1 dolaro = 2051 » |
| » » = 2,0461 markoj | 1 marko = 489 » |
| » » = 2,40 kronoj (Aŭstr.) | 1 krono (Aŭstr.) = 416 » |
| » » = 0,947 rubloj | 1 rublo = 1056 » |
| » » = 1,82 kronoj (Skand.) | 1 krono (Skand.) = 550 » |
| » » = 1,21 florenoj | 1 floreno = 826 » |
| » » = 0,450 milrejsoj | 1 milrejso = 2217 » |
| » » = 1,031 rupioj | 1 rupio = 970 » |
| » » = 0,979 jenoj | 1 jeno = 1021 » |
| » » = 0,495 pesoj (Meks.) | 1 peso (Meks.) = 2019 » |

Laŭ tiu tabelo, internacia monero da 10 spesmiloj estus preskaŭ la samaĵo kiel 1 livro sterlinga, kaj internacia poŝtmarko da 10 spesdekoj (aŭ 1 spescento) povus esti uzata por la afranko de la leteroj por fremlando. Cetere poŝtmarkoj de 1 speso, 1 spesdeko, 1 spescento, 1 spesmilo estus tre utilaj por pagi per la poŝto, ĉar tiaj poŝtmarkoj estus ĉie uzeblaj kiel internacia mono.

Por akceli la skribon, oni povas mallongigi jene : S = speso ; Sd = spesdeko ; Sc = spescento ; Sm = spesmilo ; kaj en la praktiko oni uzos la spesmilojn kaj spesdekojn same kiel la frankojn kaj centimojn, la markojn kaj pfenigojn, la dolarojn kaj cendojn, k. t. p. ĉar 1 Sm = 100 Sd. Kiel ekzemplon, ni citu la jenan frazon : *la jara abono al « Esperanto » kostas 1, 20 Sm. (unu spesmilo 20 spesdekoj) pageblaj per poŝtmandato ; unu numero kostas 4 Sd.* (*4 spesdekojn*).

El la alpreno de kalkulmono internacia rezultus gravaj plisimpligoj en la komercaj interrilatoj, ĉu privataj, ĉu oficialaj inter la diversaj landoj. Cetere, la praktiko montros en kiaj cirkonstancoj oni povas uzi la internacian monunuon ; en la nuna tempo, oni konsideru tiun unuon nur kiel simplan teknikan vorton enkondukotan en nian lingvon, kaj ĉar en la vortaro Esperanta troviĝos la jena klarigo : (Esp.) 1 SPESO = (F.) 0,002526 frankojn = (A.) 0,00010015 liv. st. = (G.) 0,002046 markojn = (U. S. A.) 0,0004875 dolarojn = ....., oni nur bezonos traduki la valorojn esprimitajn per spesoj en valorojn esprimitajn per nacia mono, same kiel ekzemple, oni tradukos la vorton « patro » ĉu per la Franca vorto « père », ĉu per la Angla vorto « father » k. t. p. Kompreneble, per praktiko, ĉiu komprenos la vorton *speso* per ĝi mem sen bezono de nacia traduko, tute kiel *patro* elvokas la ideon « père », « father » kvankam ni tute plu ne pensas pri la vorto mem.

La uzado de Esperanto montras pli kaj pli la bezonon de internacia vorto por esprimi monan valoron. Tiu bezono ne estas tiel grava pri sistemo de l'pezoj kaj mezuroj ĉar la Esperantistoj povas konsideri ke la metra sistemo fariĝis sufiĉe internacia por esti enkondukita en la lingvon.

***

Oni scias, ke dum la lasta kongreso, fondiĝis Internacia Scienca Asocio por enkonduki la lingvon Esperanto ĉe la scienculojn. Baldaŭ en tiu-ĉi Asocio organiziĝos Internacia Komitato, enhavonta ĉirkaŭe 500 diversnaciajn anojn ; tiu Komitato definitive fiksos la Esperantan tradukon de la teknikaj terminoj, kies nombro kredeble superos cent mil. Tiuj terminoj, enskribotaj kun naciaj tradukoj sur apartaj kartetoj, konservotaj en specialaj mebloj ĉe la Internacia Scienca Oficejo, formos la oficialan teknikan vortaregon Esperantan. La nomita komitato kredeble estos definitive organizata dum la 3a kongreso ; ĝi havos la taskon akcepti, ŝanĝi, aŭ forĵeti la novajn teknikajn esprimojn proponitajn de la diversaj aŭtoroj. Oni vidas do, ke por enkonduki la uzadon de la helpa mono, la plej bona maniero estas akceptigi de tiu Scienca Komitato la vorton *speso* kiel supre difinita ; intertempe oni uzu tiun vorton kiel ian ajn alian teknikan esprimon por provi ĝian taŭgecon aŭ netaŭgecon.

R. de Saussure.

(1) Internacia Scienca Revuo. Majo. Projekto pri internacia monsistemo, de René de Saussure. Aparta represaĵo estas ricevebla de la Scienca oficejo, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève, po 10 Sd (pagebla per poŝtmandato).

## TRA LA MONDO

### Aŭstralio

Brisbane, Aprilo 1907.

Oni scias, ke jam de kelka tempo realiĝis, post longaj klopodoj, la kunfederiĝo de la Aŭstraliaj kolonioj (nome Commonwealth). La rezultatoj de tiu kuniĝo ne estis tiel fruktoplenaj kiel oni antaŭvidis, kaj tion ĉi kaŭzas interalie la politika situacio de la komuna Parlamento. Efektive, en nia lando, neniu el la tri ekzistantaj partioj havas la absolutan plimulton La laborista partio (Labour Party) estas nombre la plej grava ; ĝi havas proksimume tian saman rolon kiel la socialistaj eŭropaj partioj, kvankam ĝia programo nun estas tre modera kaj neniel internaciema. La ministraro Deakin staradas, apogante sin jen sur unu, jen sur alia partio, laŭ la cirkonstancoj. Protekcionismo kaj liberŝanĝismo, jen estas la principoj, kiuj konstante sin batalas reciproke ; ĝis nun Aŭstralio kliniĝis al la unua kaj severaj leĝoj estis deciditaj kontraŭ la enmigrado. Tamen, en la nuna tempo, pli bonaj cirkonstancoj favoras la taskon de la registaro. La lastaj rikoltoj estis tre riĉaj kaj tio havis politikan influon. La apliko de la leĝo kontraŭ la enmigrado fariĝis malpli severa, pro la bezono de laboristoj. Sed la leĝo ankoraŭ ekzistas kaj la sorto de la enmigrantoj dependas de la administracia arbitro. Se okazus denove malbonaj rikoltoj, la antaŭa severeco ree fariĝus La enmigrantoj envenas nur se ili havas kontraktojn aprobitajn de la aŭtoritato. La Konfederacio baldaŭ havos propran teritorion, kiun forcedis Stato de Suda Aŭstralio. Tiu teritorio, ankoraŭ dezerta, estas trioble pli granda ol Germanujo. Antaŭe, oni supozis, ke ĝi estas senfrukta, sed tio tute ne estas vera ; kontraŭe, ĝi povos produkti en granda kvanto rizon, tabakon, kaŭĉuzon kaj kotonon ; sur la altaj plataĵoj brutaroj povos sin paŝti. La federala registaro prenos sur sin la kolomiigadon de tiu vastega teritorio. Sed se restas la leĝo, kiu malpermesas la emmigradon de la neblankuloj en Aŭstralion, tiu tasko estos malfacile efektivigebla, ĉar, pro la varmega klimato de tiu regiono, la blankuloj verŝajne ne povos envivadi. Dume, la ĉefministro de Aŭstralio estas en Londono ĉe la kolonia Brita konferenco, kie li sin okupas speciale pri la limimposta tarifo kaj pri la privilegia tarifo kun Anglujo. Tiu demando ankaŭ estas tre grava kaj ne facile solvebla. Aŭstralio havas profiton de siaj protekcionistaj tarifoj kaj ne deziras ilin malplialtigi eĉ por enlasi la produktaĵojn de Anglujo.

G. A. S.

### Balkanujo.

Beogrado, Majo 1907.

Beograd (Belgrad) estas efektiva pordo de Balkanujo. Kiam oni forlasas la ferdekon de l'ŝipo, kiu venis el Zemuno, tute alia aero, tute aliaj vizaĝoj salutas la fremdulon. Beograd estas vera eltrovo de la serĉantaj okuloj. Kiel oni scias forflugis interesaj pikantaj novaĵoj politikaj kaj sociaj et la konak'o (serba reĝpalaco) kaj el aliaj specialaĵoj de Serbujo. Ekzemple, la plej nova afero estos, kiel la eŭropa gazetaro jam pli-malpli komunikis kaj komentariis, la vizitvojaĝo de lia reĝa Moŝto Petro Ia. Petro, la nuna serba reĝo, estas multflanke energia posteulo de Karagjorgjeviĉ'a dinastio. Li ricevis la sendube malfacilan rolon rekonstrui kaj reorganizi la senordan kulturvivon de Serbujo sur la malpurigita serba trono. Nature, en la okuloj de la kulturlandoj, precipe monarĥiaj, ĉiam restas la rememoro pri la terura sangokazintaĵo pri la lasta serba tronŝanĝo ; ĉiu nur vidas la mutajn sangmakulitajn kadavrojn de la lastaj malfeliĉaj rolludintoj de Obrenoviĉ'a dinastio. Estas vero, ke la fakto mem estas terura, sed por la serba popolo, la nuna solvo estas senkompare pli favora el la antaŭaj. Nun, la serba reĝo volas fine forigi la ĝisnunan izolecon, kiu apartigis la serban popolon kaj la nunan estraron de l'aliaj nacioj kaj aliaj reĝaj moŝtoj. Kiel mi supre diris, laŭ la plej novaj sciigoj, kiuj elfluis el la kulisoj diplomatiaj, Petro 1a decidis dum la nuna somero viziti kelke da eŭropaj reĝoj, komencante ĉe Vieno. Laŭ sciigoj, tiu entrepreno estos tute malsukcesa ; ĉar Aerenthal, la nuna hungaraŭstra diplomat-ministro petis de lia reĝa Moŝto Franco-Jozefo 1a, ke li akceptu la projektitan viziton, sed li ricevis de la maljuna monarĥo nur mallaŭdan opinion pri la lasta sanga serba okazintaĵo. Pri la aliaj vizitoj, ni ankoraŭ ne povas ion ajn pozitivan skribi. Tiuj novaĵoj min instigis kiel eble plej baldaŭ viziti Beogradon. Mi tuj sciiĝis pri tiuj ĉi aferoj, sed verŝajne pro la malfavoraj eksterlandaj aferoj, oni tre sekrete subpremas ĉian novan sciigon.

***

Se oni rigardas la serban ĉefurbon, ĉie oni vidas militistojn. La serban militistaron oni povas karakterizi jene : ĝi konsistas el lukse vestitaj oficiroj kaj el militistoj, kiuj estas ĝenerale en tre malriĉa kaj plorinda kondiĉo, La oficiroj troviĝas multenombre en ĉiu strato. Vespere, kiam mi sidis sur la teraso de « Ruski Car » (gastejo kun titolo « Rusa Caro ») kaj rigardadis la promenantojn, kiuj foren ondiĝis sur la strato, ĉiam min mirigis la belaj oficiroj, kiuj promenadis glavtintadante. Beogradon oni vere povus nomi la urbon de l'bankoj ; ĉui tria vendejo estas banko. Kien ajn oni rigardas, oni renkontiĝas kun la konata ŝildo « Saraf » (monŝanĝisto). La urbo mem estas ne granda kaj ne tro ĉefurba. Ni povas pensi, ke ni estas en ia bela urbeto dekaranga. Ia jam iomete granda vendejo ĉiam havas en sia kaso grandajn sumojn (eĉ la mezaj 40.000 ĝis 50.000 frankoj), ĉar ili malgraŭ la multeco de bankoj ne konfidas al ili ! La serba poŝto — laŭ la kritiko — estas ne tre bona, ĉar la plej multaj komercistoj ŝipveturas en Zemunon kaj tie reguligas siajn aferojn financajn kaj korespondajn ! Pro tio, kvankam Zemuno ne estas ĉefurbo, tamen ĝi havas du grandajn poŝtoficejojn, pli grandajn ol tiu de Beogrado.

Beogrado ludis iam grandan rolon en hungara historio, apartenante tiam al Hungarujo kaj havante la nomon « Náudorfehervar ». (Ferdinandblanka fortikajo). La nuna nomo Beograd estas la laŭvorta traduko de « blanka fortikajo ». Dum la turkaj bataloj, multafoje ŝanĝis ĝiaj posedantoj. Beogrado kuŝas sur du riverbordoj, inter Danubo kaj Savo. Belega vidajo ĝojigas la ĝuemajn okulojn, kiam oni starante sur la urbmonto « Kalimekdan » ekvidas la du riverojn; en la bluajn majestajn ondojn de Danubo, ribele enmiksiĝas la malpuraj flavverdaj ondoj de Savo kaj duflanke ŝaŭmigas la piedojn de l'urbmonto, kies kapo estas kronita per fortikaja diademo.

La popolo estas tre simpatia, poeziema kaj muzikema. Belaj virinoj ankaŭ pligrandigas la amindecon de ĉi tiu popolo. Dek fojojn mi estis en Beogrado kaj vizitis ankaŭ la ĉirkaŭajojn. Pri aliaj specialajoj, kulturvivo kaj socia vivo mi plej baldaŭ raportos.

A. de Marich.

## Germanujo.

Leipzig, Majo 1907.

La dua germana kongreso de Esperanto, okazinta de la 8-a ĝis 12-a de majo en Dresden, estas grava pruvo, ke Esperanto sukcese progresadas en Germanlando. 800-1000 esperantistoj kaj interesatoj, inter ili kelkaj Anglaj kaj Rusaj gesamideanoj, ĉeestis la publikan ĉefan kunvenon en la granda salonego de « Vereinshaus ». La fama scienculo, P-ro D-ro W. Ostwald paroladis pri la demando de internacia lingvo. Li rimarkigis, ke la publika intereso pri la afero daŭre pligrandiĝas, ke oni jam nun povas prijuĝi la intelektan staton de la gazetredakcioj laŭ la intereso, kiun ili montras por la problemo de helpa lingvo. Helpa lingvo estos same signifa por la plua disvolviĝo de la homa kulturo, kiel la elpenso de libropresigo. Per tia lingvo estos eble internacie konatigi la verkojn de poetoj kaj scienculoj. Enkonduko de internacia lingvo forigos grandparte lernadon de aliaj fremdaj lingvoj kaj treege malŝarĝos la infanojn, kiuj nun devas oferi 50 % de la lerntempo al fremdaj lingvoj. Oni do povas gajni multe da tempo por aliaj pli utilaj aferoj, ĉar lernado de multaj lingvoj ne plisaĝigas la homojn. Nacia lingvo estu kaj restu patrina lingvo, uzata en la interno de la familio, de la hejmo, de la nacio. Sed apud la patrina lingvo ekzistos patra lingvo por ĉiuj rilatoj kaj interesoj, kiuj ne havas naciajn linojn. Kvankam P-ro Ostwald ne konfesas sin Esperantisto tamen li certe esperas, ke la du riveroj « Esperanto » kaj « Delegacio » baldaŭ kunfluos en unu riveregon. Poste P-ro D-ro Schmidt montris, ke Esperanto estas vera kaj praktika solvo de la granda problemo: lingvo internacia.

En laboraj kunsidoj Germana Esperantista Societo decidis dividi Germanlandon laŭ geografiaj distriktoj por plibonigo de la propagando. Krom tio oni intencis starigi specialajn propagandajn komitatojn por apartaj profesioj; jam estas elektita provizora komitato, kies tasko estos la disvastigo de Espèranto inter la komercistaro. Esperantaj libroj estos dissendataj senpage al publikaj bibliotekoj. Por prizorgi la sciencan flankon de Esperanto oni rekomendis kuniĝon de la germanlingvaj anoj de la Internacia Scienca Asocio Esperantista en Genevo. Dum la ferma kunveno D-ro Mybs, prezidanto de G. E. S. faris paroladon pri elparolado de Esperanto. Li pritraktis la temon laŭ scienca fonetika bazo. Estas neeble, ke ĉiuj nacioj kaj individuoj elparolas Esperanton tute sammaniere. Sed diferenco nur konsistas el la diverseco de la sonnuanco de la vokaloj, precipe de la kunmetitaj vokaloj (diftongoj). En la internaciaj Esperantistaj kongresoj la paroladanto konvinkiĝis ke la malsameco de la vokalnuancoj tute ne malhelpas bonan interkompreniĝon. Tial ne estas necese zorge eviti la naciajn parolnuancojn en internacia lingvo. Por la kongreso grandà Ekspozicio estis arangita en la malnova parlamentejo, ĝi enhavis multe da lernolibroj kaj alia Esperanta literaturo kaj sukcese propagandis inter la neesperantista Dresden' a publiko. Dum la kongreso la Dresden' a Esperantista Grupo zorgis pri kelkaj ekskursoj en la ravigan ĉirkaŭajon, pri ŝipveturadoj sur la Elbe, pri Esperantaj muzikaj reprezentadoj k. t. p. La Kongresanoj forlasis Dresdenon konvinkiĝinte, ke nia kara lingvo ankaŭ venkos en Germanlando.

P.

## Tutmonda Kroniko

*Majo 1. Berlino.* — Princo Bülov parolas ĉe la Reĥjstago pri la internaciaj rilatoj de Germanujo. — Alveturas la ministro de l'eksterlandaj aferoj de Aŭstrujo.

*2. Lisabono.* — Luciano Montero formas la novan ministraron.

*Parizo.* — Mortas la fama ĥirurgiisto Poirier.

*Berlino.* — La Reĥjstago aprobas la novan komercan interkonsenton kun Unuigitaj Statoj.

*3. Bruselo.* — S-ro de Trooz formas novan ministraron.

*4. Dublino.* — Inaŭguracio de Irlanda internacia ekspozicio.

*Galicio.* — Urbo Nadvorna estas detruita de brulado.

*Yemen (Arabujo).* — Malvenko de la Turka soldataro kontraŭ ribelantoj.

*Kantono.* — Eksplodo de pulvejo; 20 mortintoj.

*6. Madrido.* — Balotoj por la Senato. Estas balotitaj: 113 konservativuloj, 23 liberaluloj kaj 29 anoj de 7 aliaj partioj.

*Varsovio.* — Brulado detruas urbon Tyszcowe.

*7. Amritsar (Indujo).* — Ribelado kontraŭeŭropa.

*8. Urugvajo.* — La franca vaporŝipo « Poitou » pereas apud la marbordoj; 60 dronintoj.

*9. Romo.* — Grava diskutado ĉe la deputataro pri la ĉeesto de l'armeo ĉe la ricevo de kardino Lorenzelli en Luko.

Mortas senatano eksministro Codronchi.

*10. Madrido.* — La hispana reĝino naskas reĝidon; la Papo estos la baptopatro.

*12. Teherano.* — Tumultoj en Persujo.

*Parizo.* — Inaŭguracio de monumento al Gabriel Trarieux, iniciatinto de la Ligo de l'homrajtoj.

*Catanio.* — Inaŭguracio de busto al poeto Rapisardi.

*Lisabono.* — Kontraŭdinastiaj manifestacioj.

*Peterburgo.* — Oni malkovras komploton kontraŭ la Caro.

*Parizo.* — Mortas la romanverkisto S. K. Huysmans.

*13. Madrido.* — Malfermo de la Parlamento.

*Rio-de-Janeiro.* — Oni malpermesas la elŝipiĝon de princo Orleans de Braganzo.

*14. Vieno.* — Generala balotado laŭ la nova leĝo. Estas balotitaj: 43 socialistoj, 39 kontraŭsemiduloj, 20 klerikanoj, 21 de la aliaj partioj. Multaj rebalotoj.

*Parizo.* — Diskutado ĉe la deputataro pri la politiko de la ministraro rilate al la movado de la ŝtatoficistoj. Venko de la ministraro.

*15. Romo.* — Diskutado ĉe la deputataro pri la ekstera politiko. Parolado de ministro Tittoni.

*16. Beziers (Francujo).* — Tumultoj pro la vinkulturistoj.

*17. Londono.* — Malfermo de rusa socialista kongreso.

A. Tellini.

# ESPERANTO PRAKTIKA

## DIVERSAĴOJ

*Imitindaj ekzemploj* — Ni ricevis la jaran Revueton de la Esperantista Grupo en « Le Creusot » (Francujo) en formo de interesa dulingva broŝureto. Krom sciigoj pri la II[a] kaj III[a] Kongresoj, ni kun plezuro legis raporton pri la konsulejo kaj Oficejo, kiuj funkcias en tiu urbo kaj estas plej bone organizataj. Nia kunlaboranto S-ro Rousseau jam priskribis tiun *imitindan* organizecon en N° 1 de « Esperanto ».

La Grupo en Beaune ankaŭ publikigis sian jaran revueton, en kiu estas legeblaj sciigoj pri la konsulejo kaj oficejo organizitaj en tiu urbo.

La Grupo de Tours dissendis al ĉiuj gazetoj noton, per kiu ĉiuj esperantistoj intencantaj viziti Tours'regionon sin turnu al la esp. hotelmastroj kaj parolu en Esperanto. La hotelistoj de tiu urbo, post vizito de la konsulo, promesis uzi la Esperanto-Oficon. De nun Esperantistoj vizitu Tours'on kaj la pentrindan ĉirkaŭajon, ili estos komprenataj. Baldaŭ aperos *esperante redaktita* gvidlibro de Tours'lando, eldonita de l'Iniciata Sindikato de la dirita urbo.

Jen tiom da ekzemploj meditindaj de *ĉiuj* grupoj esperantistaj.

⁂

### Festoj Esperantistaj

*Burgonja Esperantista Kongreseto.* (El speciala Korespondanto). — Dimanĉon 12an de Majo okazis en Autun (Francujo) kongreseto de l'Burgonjaj Grupoj, organizita de l'Creusota Grupo. Pli ol 100 delegitoj el Dijon, Beaune, Creusot, Autun, Chalon, Nolay, Pierre, Mercurey kunfestenis en belega manĝocambro ornamita de verdaj arbetoj, bonodoraj printempaj floroj kaj plibeligita de multaj amindaj sinjorinoj kaj fraulinoj Multaj tostoj ĉe la deserto. S-ro Decouches diras bonvenon al la Autun'a grupo kaj al ĝi prezentas la bondezirojn de ĉiuj Burgonjaj grupoj. Parolis ankaŭ S-ro Vesoul, Boudrillot, Boitard, Heluin, Dejussieu, Jadeau, kaj fine S-ro Bord, la « patro » de la Burgonjaj grupoj. Poste okazis kunveno ĉe la Urbdomo; la grupoj decidis, ke la Sidejo de l'generala sekretario ŝanĝos ĉiujare. S-ro Heluin akceptas unue tiun taskon Oni ankaŭ decidis festi la 21an de julio kunigante la plimulton de la Burgonjaj geesperantistoj en ia urbo. Kantoj kaj deklamoj finis tiun sukcesan kongreseton, kiu denoviĝos la 21an de julio por glori nian karan majstron.

*Vidinto.*

*Esperantista festo en Hispanujo.* — Bela festo okazis en Sabadell (Katalonujo) la 7an de Aprilo okaze de vizito de 16 Barcelonaj samideanoj al la Sabadell'aj esperantistoj: Multenombra publiko-ĉirkaŭ 400 personoj S-ro Sabadell, prezidanto de la Barcelona grupo kaj riprezentinto ĉe la Geneva kongreso, faris belegan paroladon tre aplaŭditan. Sekvis kantoj, deklamoj, paroladoj. Resume, belega festo, kiu devas esti sekvinda ekzemplo.

V. I.

### INTERNACIA SOCIETO DE L' ESPERANTISTAJ JURISTOJ (I. S. E. J.)

Oficiala Informilo

Dum la Geneva Kongreso fondiĝis inter la esperantistaj ĉeestantaj juristoj *Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj.*

---

FELIETONO DE " ESPERANTO " 1

## LA LEGENDO DE SANKTA JULIANO HELPEMA

el Gustave FLAUBERT

(trad. H. Hodler)

La gepatroj de Juliano loĝis en kastelo, meze de l'arbaroj, sur monteta deklivo. Ĉe la anguloj, la kvar turoj havis pintajn tegmentojn tegitajn per plumbaj skvamoj, kaj la fundamento de la muroj sin apogis sur amasoj de ŝtonegoj, kiuj interniĝis krute ĝis la fundo de l'fosajoj. La pavimoj de l'korto estis tiel netaj kiel la ŝtonplatoj de preĝejo. Longaj defluiloj, figurantaj drakajn faŭkojn, eljetis al la cisterno la pluvajn akvojn, kaj, sur la fenestroj, ĉe ĉiuj etaĝoj, floradis en pentrita argilpoto basilisko aŭ heliotropo. Dua murzono, farita per fostoj, enspacis fruktarban kampon, bedon, sur kiu kunaranĝo de floroj desegnis ciferojn, refreŝigan laŭbon kaj majlludon por la distrado de l'paĝioj; ĉe l'alia flanko troviĝis hundejo, ĉevalejo, panfarejo, vinberpremilo kaj garbejo; ĉirkaŭe disvolviĝis verda paŝtejo, enfermita per fortika duonplektajo. De tiel longatempe oni pace vivadis, ke jam ne leviĝis la erpilo; la fosajoj estis akvoplenaj; hirundoj konstruis nestojn ĉe la fendoj de la murdentoj, kaj la pafarkisto, kiu dum la tuta tago promenadis sur la remparo, tuj kiam brilis tro akre la suno, reiris la gardejon kaj ekdormis kiel monaĥo. Interne, ĉie montriĝis la feloj; en la ĉambroj, tapetoj ŝirmis kontraŭ malvarmo; kaj la ŝrankoj estis plenegaj de tolajoj, kaj en la keloj amasiĝis la vinbareloj, kaj sub la pezo de la monsakoj krakadis la kverkaj kofroj. En la ĉambro de la armiloj, inter standardoj kaj kapoj de sovaĝaj bestoj, vidiĝis ĉiatempaj kaj ĉianaciaj armiloj, de la Amalekidaj ŝtonjetiloj kaj Garamantaj sagegoj ĝis la Sarazenaj glavetoj kaj Normandaj maŝkirasoj. La ĉefa trapikilo de la kuirejo povis transturni bovon. La kapelo estis luksa kiel reĝa preĝejo. Eĉ, en aparta loko, laŭ la Romana modo, troviĝis ŝvitbanejo, sed ĝin ne uzis la bona kastelmastro, ĉar li opiniis, ke tio taŭgas nur por idolanoj. Ĉiam ĉirkaŭvolvita per vulpa felo, li promenadis tra sia hejmo, juĝadis siajn vasalojn, pacigadis la interdisputojn de siaj najbaroj. Dum la vintro, li rigardadis, kiel falas neĝeroj, aŭ lasis al si rakontadi fabelojn. Je l'unuaj belaj tagoj, li laŭ la vojoj rajdadis sur sia mulo, apud la verdiĝantaj grengarboj kaj paroladis kun la servutuloj, al kiuj li donis konsilojn. Post multaj aventuroj, li edziĝis kun altranga fraŭlino. Tre blanka ŝi estis, fiereta kaj serioza. La kornoj de ŝia harornamo atingis ĝis la supro de l'pordoj; kaj per tri paŝoj postetrenis ŝia robo. La servistaro estis tiel regula kiel monaĥaro; ĉiumatene, ŝi disdonis taskojn al siaj servistinoj, kontrolis la faradon de la konfitajoj kaj ŝmiriloj, ŝpinadis aŭ brodadis altartukojn. Post multaj preĝoj al Dio, ŝi naskis filon.

Tiam okazis grandaj festoj, tritaga kaj kvarnokta festenego sub la foliaroj, ĉe la lumo de l'torĉoj, dum sonadis la harpoj. La plej maloftajn spicojn oni manĝis kun kokinoj grasaj kiel ŝafoj; kiel amuzilo, pigmeo eliris el pasteĉo; kaj, ĉar ne sufiĉis la vazoj, pro la konstanta plimultiĝado de la popolamaso, oni devis trinki el olifantoj kaj kaskoj. Tiujn festojn ne ĉeestis la naskintino. Sur la lito ŝi trankvile kuŝadis. Vespere, ŝi vekiĝis, kaj ĉe lunradio envenanta tra la fenestro, ŝi ekvidis kvazaŭ moviĝus ombro. Tio estis maljunulo vestita per lana robo kun rozario ĉe la flanko kaj sako sur la ŝultro. Li tute ŝajnis ermito. Li proksimiĝis al ŝia lito kaj diris, ne dispremante la lipojn: « Ho, ĝoju, patrino! cia filo estos sanktulo ». Ekkrii ŝi volis, sed, glitante sur lunradio, li senbrue forflugis aeren kaj malaperis. Pli laŭte sonis la voĉoj de la festenantoj. De l'anĝeloj ŝi aŭdis la voĉojn, kaj refalis ŝia kapo sur kusenon, kiun kronis martirosto enkadrigita per karbunkoloj.

La morgaŭan tagon, ĉiuj pridemanditaj servistoj diris, ke ili ne vidis ermiton. Sonĝajo aŭ realajo, tio estis certe komuniko de l'ĉielo; sed ŝi pri tio nenion diris por ke oni ŝin ne kulpigu pri gloramo. La festenintoj matenfrue foriris, kaj la patro de Juliano troviĝis ekstere de l'trinkejo, el kie li jus forsalutis la gastojn, kiam subite, tra la nebulo, stariĝis almozulo. Li estis vagisto kun plektita barbo, du arĝentaj ringoj ĉe la brakoj kaj flamemaj pruneloj. Li kvazaŭ inspirite senorde balbutis tiujn vortojn: « Ha, ha! cia filo!... multo da sango'... multo da gloro!... ĉiam feliĉa!... imperiestra familio... » kaj malstariĝinte por preni la almozon, li forperdiĝis en herbon, neniiĝis. La bona kastelmastro, jen dekstre, jen maldekstre, rigardadis, vokadis per tuta forto. Neniu! Siblis la vento kaj fornaĝis la matenaj nebuloj. Tiun vizion li aljuĝis al korpa laciĝo pro sendormeco. « Se pri tio mi parolos, oni min mokos » li diris al si. Tamen, lin blindigis la belegajoj difinitaj por lia filo, kvankam la promeso estis ne klara, kaj li eĉ dubis, ke li aŭdis ĝin. La geedzoj silentis pri sia sekreto. Sed ambaŭ per egala amo adoris kaj respektis sian infanon, kiel senditon el Dio. Lia lito estis ŝtopita per la plej delikata lanugo; super ĝi konstante lumigadis lampo en formo de kolombo; lin luladis tri nutristinoj; kaj premita per vindotukoj, kun rozkolora mieno kaj bluaj okuloj, kun orŝtofa mantelo kaj perla kufeto, li similis al Jesuo infano. Al li kreskis la dentoj sen ploro. Kiam li estis sepjara, lia patrino lin instruis pri kantado. Por lin bravigi la patro lin metis sur grandan ĉevalon. La infano ridetis de kontentiĝo kaj baldaŭ elsciis ĉion pri rajdado. Maljuna, tre klera, monaĥo lernigis al li la Sanktan Skribon, la nombradon de la Araboj, la latinan alfabeton kaj la pentradon de la literoj sur veleno. Ili kune laboradis, ĉe l'supro de l'turo, for de ĉia bruo. Post la leciono, ili malsupreniris en la ĝardenon, kie ili, dum promenado, studis la florojn. Kelkafoje, oni ekvidis, irantan en la fundo de l'valo, sekvantaron de servbestoj, kondukitaj de piediranto orientale vestita. La kastelmastro, kiu en li rekonis fremdulon, forsendis serviston. La fremdulo konfideme deturnis sin el la vojo, kaj enkondukita en la parolejo, li el la kofroj eltiris velur-kaj silkŝtofojn, orajojn, aromojn, strangajojn por uzado nekonata; fine, kun ŝatinda profito, foriris la negocisto suferinte nenian perforton. Alifoje, bando de pilgrimantoj frapis ĉe la pordo. Iliaj malsekaj vestajoj fumis antaŭ la fajrujo: kaj, post satiĝo, ili rakontadis pri siaj vojaĝoj: la vagadoj de l'ŝipoj sur la ŝaŭmanta maro, la piediradoj sur la varmegaj sabloj, la kruelegeco de la idolanoj, la kavernoj de Sirio, la sankta Manĝujo kaj Tombo. Kaj al la juna sinjoro, ili donis konkojn el sia mantelo. Ofte, la kastelmastro festenis kun siaj malnovaj kunmilitintoj. Trinkante, ili rememoradis pri la militoj, la atakoj kontraŭ la fortikajoj kun la batado de la maŝinoj kaj la teruraj vundoj. Juliano, ilin aŭskultante, ekkriis, kaj tiam ne dubis la patro, ke lia filo fariĝos almilitisto. Sed vespere, post la anĝeluso, kiam li paŝis inter la kliniĝintaj malriĉuloj, li el sia monujo ĉerpis kun tia modesteco kaj nobleco, ke ŝia patrino esperis, ke li fariĝos arĥiepiskopo.

(daŭronta).

